14-a jaro. — N-ro 7 (161) JULIO 1928.




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.**

**JARA ABONPREZO : Fr. 20,—**

**EKSTERLANDE : Belgoj 5.—**

ANTVERPENO

1928

14a JARO N-ro 7 (161) JULIO 1928.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj :
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.



## AL NIAJ ABONANTOJ

Tiu ĉi numero aperas kun granda prokrasto. La kaŭzoj venas el teknika fonto, pro kiuj ni estas devigataj fari ŝanĝojn en nia eldona procedo.

Niaj abonantoj bonvolu akcepti niajn plej sincerajn senkulpigojn kun la promeso, ke baldaŭ ĉio estos reordigata.

En la nunjaraj kajeroj de nia revuo, kiujn ni klopodos elirigi antaŭ la fino de la kalendara jaro, ni publikigos la plenan raporton pri la 20a Universala Kongreso, tiel ke la nuna kolekto de «B. E.» enhavos la tutan dokumentaron pri la Antverpena mondfesto Esperantista.

La elprovita pacienco de niaj legantoj estos plie rekompencata per livero de nombro de paĝoj pli granda ol kutime.

## AL LA KONGRESANOJ

Kelkaj kongresanoj petis informojn pri la eldono kaj disdono de «Belga Antologio». La L. K. K. petis nin sciigi, ke la du volumoj de tiu verko (600 paĝoj) estas nun presataj kaj ke ili estos sendataj per la poŝto al ĉiuj kongresanoj, tuj post apero.

## PETO

Ni deziras ilustri niajn proksimajn numerojn per kelkaj kliŝoj pri la kongreso. Pro tio ni estus tre dankaj al la partoprenintoj kiuj fotografis dum la kongressemajno, se ili volus havigi al ni serion de siaj bildoj.

# PENTRINDA ANTVERPENO

## LA SANKTA ANDREO-KVARTALO

En la Sankta Andreo-kvartalo loĝas la malriĉa «stratetpopolo». La stratetoj ĉi tie ne estas la grandaj cirkulvojoj inter la diversaj kvartaloj kaj la eksterurbaĵo. Ne, ili estas mallarĝaj trairejoj, kiuj etendiĝas kaj turniĝas inter la dombloketoj, kiuj kiel en abelkorbo, estas kreskintaj ĉelforme la unu ĉe l'alia je amasiga homnesto.

Ĉiu strateto ĉi tie havas sian karakteron, sian famon, sian malbonan reputacion kaj sian virtecon. Odoroj de kafo-kun-lakto, de vaporiĝanta lesivataĵo, de pluv-malseketaj vestoj kaj de bakita fiŝo pendas kaj ŝvebas ĉie en l'aero. Ĉiu strateto ĉi tie havas sian frandaĵ-butiketon, kie koloraj sukerbuloj estas elmonstrataj en vitraj boteloj ĉe la bagatelaro de malkaraj ludiloj kaj fajraĵoj por kirmeso, sian ligno- kaj karbmagazenon, sian legombudon, sian ĉevalviandejon, kie pendas sangaj viandpecoj kaj pecoj da flava graso, siajn sennombrajn fiŝdometojn, kie laberdano kaj sekigita gado estas aĉeteblaj kaj dumsomere estas vicumitaj ĉe l'fasado longaj latoj kun grandaj, blankaj sekiĝantaj platesoj.

Je precizaj horoj estas veturigataj puŝĉaretoj tra la stratetoj, kun bakitaj pomoj kaj piroj en brunaj sukdefluantaj pladoj aŭ kun blankaj korboj plenaj de arĝentsimilaj eglefinoj, ruĝaj trigloj, oraj haringoj aŭ grizbluaj, flavruĝe punktitaj platesoj. La vendistinoj havas siajn akrajn kaj longetendatajn kriojn, kiuj venigas la homojn el la butiketoj kaj svarmigas tra la strato trupetojn da junaj infanoj.

La vivo de tiuj stratetoj intimiĝas en la trairejoj, la senelirejoj, kaj la ĝardenetoj. Vi trairas malaltan pordegeton kaj vi staras antaŭ verda, herba placeto, ĉirkaŭe okupita de malaltaj blanke kalkumitaj dometoj, kie ĉiam ie pendas multkolora sanktulbildo ĉe muro aŭ super pordo, kie estas videbla la malantaŭa flanko de ruĝaj, fummalpurigitaj stratfasadetoj kaj super kiu elstaras la parohoturo kaj en la malproksimo la pinta de la Sankta Virgulin - preĝejo, el kiu la fora sonorilara tintado ankoraŭ aŭdeble en tiu trankvilo sonoras.

Tiu kvartalo, tiel kiel ĝi estas amasigita, kun siaj aparte konstruitaj dometaj kaj la intermiksiĝo de siaj stratetoj ĉirkaŭ la Sankta Andre'-preĝejo aspektas kiel fiŝkaptisturbeto ĉe la marbordo. La dometoj kaj la preĝejo formas kompaktan mason. La turo vidiĝas bruna de la salakvo el la Skeldo kaj inter la ŝtonaj interspacetoj gluiĝas la nigra fulgo de l'multaj kamenoj fumantaj en la proksimeco. Laŭ ĉiuj la stratetoj kondukiĝantaj al la Monahinejstrato kaj laŭ la Strateto, la Skeldbordo kaj tra la Akvopordego de l'Sankta Johankanalo, la Skeldon oni divenas pro la mastoj sagleviĝantaj sur l'aero. En vespero kaj nokto, inter perspektivo de antaŭe kliniĝantaj malnovaj ŝtupfasadoj, tie en la malluma fono ekondiĝas kaj luliĝas la lumetoj sur la riverego kaj entendiĝas super la malproksima Flandra Bordo, parto de l'nigra ĉielo plena de briletantaj steloj.

Nokta marvidiĝo.

En la preĝejo mem la impreso pri fiŝkaptista urbeto estas ankoraŭ pli forta. Tiu preĝejo estas sanktigita kiel nenia alia de forte vivanta popolkredo. Ĉi tie sin trovas la peza arĝenta paradŝranko kun relikvoj de «tridek ses sanktuloj». Multaj virinoj, fiŝvendistinoj kaj mitulkolportistinoj, envolvitaj en nigraj kapuĉmanteloj kaj kun la blanka gladondigita kufo sur la glatigita hararo, ĉi tie ankoraŭ venas preĝi siajn rozariojn kaj oferdoni siajn kandelojn al la Sta Virgulino de Subteno kaj Venko. Sub la alta katedro, bildiganta rokecan kavernon, super kiu baldakeno kun pezaj faldoj, portata de altaj arboj, estas reprezentata la mirinda fiŝkaptado. Naturvera ŝipeto ekalveturas sur la kverkligne skulptitaj ondetoj de la lago de Genesareth. En la retfaldoj estas kaptita la baraktanta ŝargo de ĉiuspecaj fiŝoj. En la ŝipeto kliniĝas antaŭen la laŭnaturaj figuroj de tiuj sanktaj fiŝkaptistoj, Sankta Petro kaj Andreo, al tiu Kristo, staranta tie en sia faldvesto, sur la marbordo de Bethsaïde. Sur tiu bordo, ĉe liaj piedoj, rampas kraboj kaj kankroj kaj staras la plenaj korboj de vost-svingantaj rajoj, de baraktantaj eglefinoj kaj platesoj.

La plej bela strato de la Sankta Andrekvartalo estas ja la Longa Kavalirstrato, kiu per kapricaj kurboj kondukas de la Sankta Andreplaco al la Vendreda Placo. Ĉie tie ankoraŭ staras multaj ŝtupfasadoj, ĉi tie je ĉiuj anguloj troviĝas la Sankta Virgulinbildoj sub siaj ruĝe blue aŭ verde pentritaj baldakenoj; ĉi tie malfermiĝas la trairejoj kaj ĝardenetoj; ĉi tie estas je la fino de tiu longa, mallarĝa kurbiĝado la plej bela vidaĵo sur la Sankta Virgulina turo.

Tiu turo faras signon, signon tra la strateto kaj sur la Vendreda Placo kaj en la Reyndersstrato ĝi denove staras rekte kaj alte en la fono de la mallarĝa Pilgrimantstrato, super la ŝtupfasadoj de la Malnova Grenvendejo. En la krepuskanta vespero,kiam la alta turo, ruĝkorale aŭ flavpale kiel marmoro pro la subiĝanta suno, leviĝas super la domoj kaj ĉion regas, tiam la malhelaj stratetoj, kie la nokto jam pendiĝas, ŝajnas esti tiom da mallumaj trairejoj kiuj mistere iras al fantazia lumfesto, kiu tie ankoraŭ disŝpruciĝas sur la grandaj placoj kaj el kiu la turo, kiel alta, ardanta torĉo, estas direktata al'ĉielo.

El «La Vivanta Antikva Antverpeno» de Jozef Muls,
kun afabla permese trad. H. Vermuyten.

---

# KVINA LISTO DE KONGRESANOJ

1076. S-ro Kösters Joseph, religia profesoro, Vechta (Germanujo).
1077. S-ro Ruhdni Mohammed, Recht (Persujo).
1078. S-ro de Koning Willem, pentristo, Antverpeno (Belgujo).
1079. S-ro Savage Frank, instruisto, Blackburn (Anglujo).
1080. S-ino Savage Cissie, Blackburn (Anglujo).
1082. F-ino Uttley Florence, Brierfield - Burnley (Anglujo).

1081. S-ro Gateshill Frederick, komizo, Seedley - Manchester (Ang.)
1083. F-ino Hancock Beatrice, Burnley (Anglujo).
1084. S-ro Fragner Zygmunt, studento, Wisnicz - Bochnia (Polujo).
1085. S-ino Anisfield Dora, oficistino, Krakow (Polujo).
1086. S-ro Lejzerowicz Izrael, oficisto, Lodz (Polujo).
1087. S-ro Novljan Fran, gimnazia profesoro, Zagreb (Jugoslavio)
1088 S-ro Waldstein Rudolf, supera oficisto, Praha-Zizkov (Ĉehoslovakujo).
1089. S-ro Heinen Wilhelm, kuracisto, Köln (Germanujo).
1090. S-ro Ono Koosaku, Dro medicina, Leipzig (Germanujo).
1091. S-ino Tiedeken Käthe, Bad-Salznflen (Germanujo).
1092. S-ro Melton Otho, studento, Birmingham (Anglujo).
1093. S-ino Melton Jessie L., Birmingham (Anglujo).
1094. S-ro Melton Ona, inspektoro, Birmingham (Anglujo).
1095. F-ino Franklin Marjorie, kuracistino, Londono (Anglujo).
1096. S-ro Ede Edward H., Penylan-Cardiff (Anglujo).
1097. S-ro Chia G. C., Cotham - Bristol (Anglujo).
1098. S-ro Grimmitt Vincent, komerca vojaĝisto, Lewisham (Anglujo).
1099. S-ino Grimmitt Sally, Lewisham (Anglujo).
1100. F-ino Grimmitt Alma, studentino, Lewisham (Anglujo).
1101. S-ro Mc Elgunn William H. M., skribisto, Belfast (Irlando).
1102. F-ino Baxter Alice E., instruistino, Orpington (Anglujo).
1103. F-ino Devlin A., Gosforth - Newcastle-on-Tyne (Anglujo).
1104. F-ino Hanbury Florence H., Londono (Anglujo).
1105. S-ino Perrin Georges, Calais (Francujo).
1106. S-ro Perrin Leon, Parizo (Francujo).
1107. S-ino Perrin Leon, Parizo (Francujo).
1108. F-ino Simon Toni, Magdeburg (Germanujo).
1109. S-ro Mesny René, direktoro de la Franca Nacia Radio - Laboratorio, Parizo (Francujo).
1110. S-ro Gartelmann Henri, instruisto em., Bremen (Germanujo).
1111. S-ino Gartelmann Johanna, Bremen (Germanujo).
1112. S-ro Giessner Willy, komercisto ,Bochum (Germanujo).
1113. S-ro Yeomans J. F., Barrow (Anglujo).
1114. S-ro Brandt Hermann, Düsseldorf (Germanujo).
1115. F-ino Henriksen Didi, oficistino, Oslo (Norvegujo).
1116. S-ro Feiner Abram, oficisto, Warszawa (Polujo).
1117. S-ro Colov Petro, oficisto, Choumen (Bulgarujo).
1118. S-ro Kostov Dimitr, oficisto, Choumen (Bulgarujo).
1119. S-ino Marinoff B. O., Sofia (Bulgarujo).
1120. S-ro Jong Otto Ernst, komercisto, Kaiserslautern (Bavarujo).
1121. S-ro Lang Willy, komercisto, Wiesentheid (Bavarujo).
1122. S-ro Chen Alois Chungsu, studento, Cotham-Bristol (Anglujo).
1123. F-ino Molnar Julia, brosfaristino, Budapest (Hungarujo).
1124. S-ro Broeckhove Robert, instruisto, Antverpeno (Belgujo).
1125. S-ro Cohen, masaĝisto, Warszawa (Polujo).

1126. S-ro Patro Agnello, Bruselo (Belgujo).
1127. S-ro Brunin Leon, artpentristo, Antverpeno (Belgujo).
1128. S-ino Brunin Leon, Antverpeno (Belgujo).
1129. S-ro Thordarson Thorberger, verkisto, Reykjavik (Islando).
1130. S-ro Vonnez Eugène, Carouge - Genève (Svisujo).
1131. F-ino Worthing Rosalind, Barry (Anglujo).
1132. S-ro Braun Hans, arhitekto, Altona, Elbe (Germanujo,.
1133. S-ino Braun Margareta, Altona (Germanujo).
1134. S-ro Dro Müller Karl, juristo, Düsseldorf (Germanujo).
1135. S-ro Elkan Maria, Düsseldorf (Germanujo).
1136. S-ro de Wolf Evert, oficisto, Harlem (Nederlando).
1137. S-ro Guillaume Jean, desegnisto, Le Hâvre (Francujo).
1138. F-ino Tham Elise, instruistino, Hohenelbe (Ĉehoslovakujo)
1139. S-ro Schulz Carl, rektoro, Berlin - Charlottenburg (Germanujo).
1140. S-ino Betsak Gertrud, privatulino, Berlin (Germanujo)
1141. S-ro Kunze Heinrich, faklernejestro, Seifhennersdorf (Germ.)
1142. S-ino Kunze Johanna, Seifhennersdorf (Germanujo).
1143. F-ino Kunze Hanny, fakinstruistino, Seifhennersdorf (Germ.)
1144. S-ro Kutzli Theo, komercisto, St. Gallen (Svisujo).
1145. S-ino Middelburg - van Rooy Gerardina ,direktorino de socia instituto, 's Gravenhage (Nederlando).
1146. S-ro Middelburg, studento, London (Britujo).
1147. F-ino Middelburg Annie, studentino, 's Gravenhage (Nederlando).
1148. F-ino Ensmann Helène, oficistino, Düren (Germanujo).
1149. F-ino Niebel Anne, oficistino, Düren (Germanujo).
1150. S-ro Steiner, Korneuburg (Aŭstrujo).
1151. S-ino Eiger Berta, dentkuracistino, Warszawa (Polujo).
1152. S-ino Szapiro H., Warszawa (Polujo).
1153. F-ino Bialer Ryswka, studentino, Warszawa (Polujo).
1154. S-ro Miernicki Wladislaw, instruisto, Warszawa (Polujo).
1155. F-ino Szyszko Jadwiga, instruistino, Warszawa (Polujo).
1156. F-ino Bertig, Hermina, studentino, Krakow (Polujo).
1157. S-ro Börngen Alfred, fabriklaboristo, Grimma (Germanujo).
1158. S-ro Frato Ludoviko, profesoro, Woluwe St. Lambert (Belgujo).
1159. S-ro Barrier Eugène ,Paris (Francujo).
1160. S-ino Barrier Pauline, Paris (Francujo).
1161. S-ro Santins Leon, Eyne (Belgujo).
1162. F-ino Kahlbrock Käthe, Teknika instruistino, Herford (Germ.)
1163. S-ro Fisher Karl, studento, Danzig (Danzig).
1164. S-ro Vogel Oskar, inĝeniero, Dresden (Germanujo).
1165. F-ino Brandt Edith, Danzig (Danzig).
1166. F-ino Bonato Giussepp. Clara, instruistino, Venecio (Italujo).
1167. S-ro Krysta Ludwig, instruisto, Cech Teschen (Ĉehoslovakujo).
1168. S-ro Johnson Julius, ĉarpentisto, Halmstad (Svedujo).
1169. S-ro Dimitrijevic Dragan, doktoranto, Smederevo (Jugoslavujo).
1170. S-ro Hromada Rudolf, banka oficisto, Praha (Ĉehoslovakujo).

1171. F-ino Bodèn Edith Josefino, instruistino, Stockholm (Svedujo).
1172. F-ino Miller Agnes, Sheffield (Anglujo).
1173. S-ino Taylor Nellie, Sheffield (Anglujo).
1174. S-ino Lilleyman, Sheffield Needsend (Anglujo).
1175. S-ro Waller Ronald, Hillsborough Sheffield (Anglujo).
1176. S-ino Waller H., Hillsborough Sheffield (Anglujo).
1177. S-ro Kearny R. A. M., instruisto, Londono (Anglujo).
1178. S-ro Lewin E., Londono (Anglujo).
1179. S-ro Forester R. W., Teddington (Anglujo).
1180. S-ino Forrester A., Teddington (Anglujo).
1181. S-ro Brown S. W., London (Anglujo).
1182. S-ro Mawson Eric Gordon, instruisto, Bournville, Birmingham (Anglujo).
1183. S-ro Scurrah Frank Ernest, Smolthwick, Birmingham (Anglujo).
1184. F-ino Herrick Elizabeth, Londono (Anglujo).
1185. S-ro Travis George Nelson, manteksisto, Bognor (Anglujo).
1186. S-ro King Charles T. A., Fir Vale, Sheffield (Anglujo).
1187. F-ino Vokràlovà Milada, oficistino, Zàsmuky (Ĉehoslovakujo).
1188. S-ino Bobin Paul, Paris (Francujo).
1189. S-ro Bobin Paul, Paris (Francujo).
1190. S-ino Bobin Jacqueline, Paris (Francujo).
1191. S-ro Grahl Erich, fervoja oficisto, Döbeln (Saksujo).
1192. S-ro Klisch Rich., inĝeniero, Berlin (Germanujo).
1193. S-ino Sicart de Solà Anĝelino, Terrassa (Hispanujo).
1194. S-ro Wingen Wilhelm, instruisto, Köln (Germanujo).
1195. S-ino Wingen Lucie, Köln (Germanujo).
1196. S-ro Kurth Fritz, impostoficisto, Köln (Germanujo).
1197. S-ro Maier Karl, dentisto, Merseburg (Germanujo).
1198. F-ino Morris Alice Vanderbilt, studentino, Paris (Francujo).
1199. F-ino de Blonay Adèle, Paris (Francujo).
1200. S-ro Bezemer Pieter Paulus, konduktoro, Rotterdam (Nederl.)
1201. S-ro Holleman Johannis Valentyn, fervojisto, Bergen op Zoom, (Nederlando).
1202. S-ro Westmaas Cornelis, oficisto, Bergen op Zoom (Nederlando).
1203. S-ro Neutelings Theodoor, fabrikanto, Bergen op Zoom (Nederl.)
1204. S-ro Appel Huibrecht, instruisto, Bergen op Zoom (Nederl.)
1205. S-ro Rubinstein Bronislawa, Krakow (Polujo).
1206. S-ro Agourtine Leon, ĵurnalisto, Paris (Francujo).
1207. F-ino Leusink Anny, desegnistino, Rotterdam (Nederl.)
1208. S-ino Tietszchmann Flora, Dresden (Saksujo).
1209. S-ro Gossiaux Victor, ekspedisto, Antverpeno (Belgujo).
1210. S-ro Murphy F. Douglas, bankoficisto, Ipswich (Anglujo).
1211. F-ino Weinstein Halina, studentino, Warszawa (Polujo).
1212. S-ro Ziomek Maksijmiljan, studento, Krakow (Polujo).
1213. S-ro Bugge - Paŭlsen Rolf, oficiro, Oslo (Norvegujo).
1214. S-ro Langner Erdmann, studdirektoro, Sprottau (Germanujo).

1215. F-ino König Käthe, privat - sekretariino, Elberfeld (Germ.)
1216. S-ro König Hans, studento, Elberfeld (Germanujo).
1217. S-ro Bonsch Philipp, Köln (Germanujo).
1218. S-ro Falkenbach Heinrich, Köln (Germanujo).
1219 S-ro Hoehn J. H., Köln am Rhein (Germanujo).
1220. S-ro Josefiak Stefan, Köln-Ehrenfeld (Germanujo).
1221. S-ro Keuer Franz, Köln am Rhein (Germanujo).
1222. S-ro Kohn Otto, Wattenscheid (Germanujo).
1223. S-ro D-ro Schwarz Teodoro, advokato kaj redaktoro (Hungarujo).
1224. S-ro Hartenfels Carl, ĉefredaktoro, Hagen (Germanujo).
1225. Esperanto Association of California, San Francisco (California).
1226 S-ro Couffinhal Prosper, lernejestro, Relizane (Algerujo).
1227. S-ro Delvaux L. Ch., professoro, Charleroi (Belgujo).
1228. F-ino Spraic Stefanija E., studentino, 's Gravenhage (Nederl.)
1229. S-ro Levi Arrigo, inĝeniero, Trieste (Italujo).
1230. S-ro Pitz Mathias, kalkul-konsilisto, Köln-Ehrenfeld (Germanujo).
1231. S-ro Cenyn Hendrik W., eksperto, Laren (Nederlando).
1232. S-ro Bühring Karl O., fervoja oficisto, Leipzig (Germanujo).
1233. S-ro Rousseau Celestin, farmaciisto, Enghien-les-Bains (Franc.)
1234. S-ro Segaña Ŝigenori, profesoro, Edinburgo (Skotlando).
1235. F-ino Rae Frances, instruistino, West Hartlepool (Anglujo).
1236. F-ino Kindred Mary E., instruistino, West Hartlepool (Anglujo).
1237. S-ro Hawkes W. I., Luton (Anglujo).
1238. F-ino Roos A. W., Amsterdam (Nederlando).
1239. S-ro Brakel Joannes D., oficisto, Rotterdam (Nederlando).
1240. S-ro Ranson John. ŝipŝarĝisto, Dunston on Tyne (Anglujo).
1241. S-ino Ranson Grace, Dunston on Tyne (Anglujo).
1242. F-ino Zadeck Hilde, Magdeburg (Germanujo).
1243. F-ino Piernikarczyk Elly, Beuthen (Germanujo).
1244. S-ino Königsberger Helene, edukistino, Berlin (Germanujo).
1245. S-ro Kolb Ludwig, studkonsilisto, Ludwigshafen (Germanujo).
1246. S-ro Biesheuvel Willem, telegrafisto, Amsterdam (Nederlando).
1247. S-ro Dresselhaus Heinrich, instruisto, Iserlohn (Germanujo).
1248. S-ino Boden Elise, Görlitz (Germanujo).
1249. S-ro Strobl Ferdinand, instruisto, Walkenstein (Aŭstrujo).
1250. S-ro Bouvier Louis, farmacisto, Poix (Francujo).
1251. S-ino Bouvier, Poix (Francujo).
1252. S-ro Krüger Johan, inĝeniero, Hamburg (Germanujo).
1253. F-ino Spiller Lene, instruistino, Elberfeld (Germanujo).
1254. S-ro Anglada-Prior Jos., komercoficisto, Barcelona (Hispanujo).
1255. S-ro Heyer Ernst, Krefeld (Germanujo).
1256. F-ino Barret Fernande ,profesorino, Valenciennes (Francujo).
1257. F-ino Remy Marie-Louise, Valenciennes (Francujo).
1258. F-ino Remy Thérèse, Valenciennes (Francujo).
1259. F-ino Adrian Gertrud, studentino, Münster (Germanujo).
1260. F-ino Doove H. J., Leiden (Nederlando).

1261. S-ro Pilhofer Otto, komercisto, Nürnberg (Germanujo).
1262. S-ino Pilhofer Käthe, Nürnberg (Germanujo).
1263. S-ro Brieger Leo, komercisto, Breslau (Germanujo).
1264. S-ro Dubois René, Paris (Francujo).
1265. F-ino Taylor Caroline Annie, instruistino, Paris (Francujo).
1266. S-ro D-ro Vogt A., bankiero, Stuttgart (Germanujo).
1267. S-ino Vogt, Stuttgart (Germanujo). t
1268. S-ro Goldberger Leopold, dentkuracisto, Krakow (Polujo).
1269. S-ino Witz Milly, Praha (Ĉeĥoslovakujo).
1270. S-ro Nowak Ignatz, aerpolicano, Isenbüttel - Gifhorn (German.)
1271. S-ro Van den Branden Jozef P., Antverpeno (Belgujo).
1272. S-ro Nischwitz Heinrich, bankoficisto, Baden (Germanujo).
1273. S-ro Gabriels John, Rotterdam (Nederlando).
1274. S-ino Gabriels-Goudsmit, Rotterdam (Nederlando).
1275. S-ro De Ketelaere Morris, komercisto, Antverpeno (Belgujo).
2176. S-ro Violi Enrico, pastro, Milano (Italujo).
1277. F-ino Kämmerer Käthe, instruistino, Köln-Nippes (Germ.)
1278. S-ro Meisgeier Edmund, studkonsilisto, Leipzig (Germanujo).
1279. S-ro Ŝapiro Jakobo, ĵurnalisto, Bialystok (Polujo).
1280. S-ro Soloniewicz Romuald, kuracisto, Zychlin (Polujo).
1281. S-ino Soloniewicz Walerja, Zychlin (Polujo).
1282. F-ino Pickup Dora, modistino, Lancaster (Anglujo).
1283. S-ro D-ro Philippet J. E., profesoro de psikologio, Paris (Franc.)
1284. S-ro Philippet Pierre Paul, studento, Paris (Francujo).
1285. S-ro Düffels Johann, kompostisto, Emmerich a/Rhein (Germ.)
1286. S-ro Norton John A., Shaftesbury (Anglujo).
1287. S-ino Norton Edla M., Shaftesbury (Anglujo).
1288. S-ro Meys Pieter L., librotenisto, Maastricht (Nederlando).
1289. S-ro Schwarz Al., komercisto, Berlin-Charlottenburg (Germ.)
1290. S-ro Vogel Bernard, komer. direktoro, Bochum (Germ.)
1291. S-ino Martens Tony, Zoppot (Danzig).
1292. S-ro Demaegd Emile, profesoro, Mons (Belgujo).
1293. S-ro Seyens Em., honora pacjuĝisto, Neerpelt (Belgujo).
1294. F-ino Hendrix Clemence, instruistino, Gent (Belgujo).
1295. S-ro pastro Valerius, direktoro, Maesyck (Belgujo).
1296. S-ro Jonker Harm J., lernejestro, Blijham (Nederlando).
1297. F-ino Nijboer Jantine, instruistino, Blijham (Nederlando).
1298. S-ro Kortrijk Jacobus, komercisto, Rotterdam (Nederlando).
1299. S-ro Castel Hector J., ŝtatoficisto, Ganshoren (Belgujo).
1300. S-ro Keuning Wytze, lernejestro, Groningen (Nederlando).
1301. F-ino Mitchell Agn. L., instruistino, Barry (Anglujo).
1302. S-ro Derbes Robert, inĝeniero, Le Havre (Francujo).
1303. S-ro Gitzinger Arthur, meĥanikisto, Solingen (Germanujo).
1304. S-ro Haller Karl, fornisto, Solingen (Germanujo).
1305. F-ino Nückel Josefa, Essen/Ruhr (Germanujo).

1306. S-ro Tomasz Benisz, oficisto de P. K. O., Warszawa (Polujo).
1307. S-ro Johansson Johan W., tipografo, Odense (Danujo).
1308. S-ino Dorazilova Miroslava, Vyskov (Ĉehoslovakujo).
1309. S-ro Leflot Jozef, Lier (Belgujo).
1310. S-ro Münz Adolf, komercisto, Berlin (Germanujo).
1311. S-ro Filliâtre Pierre R., poŝtoficisto, Paris (Francujo).
1312. S-ro van Tinteren W. H. G., bankoficisto, Amsterdam (Ned.)
1313. S-ro Popper Hugo, komercisto, Böhm-Kamnitz (Ĉehoslovakujo).
1314. S-ro Van Dael Oct., agordisto, Antverpeno (Belgujo).
1315. F-ino Nicholson Clarice M., Ealing-Brentham (Anglujo).
1316. F-ino German Ida, St. Leonards on Sea (Anglujo).
1317. S-ino Gracey Elizabeth, Hastings (Anglujo).
1318. S-ino Gracey Arnold, asekuristo, Hastings (Anglujo).
1319. F-ino Stacy Elfrida G., direktorino de privata kompanio, Buck. hurst Hill (Anglujo).
1320. F-ino Stacy Alice Maud, Buckhurst Hill (Anglujo).
1321. S-ro Nunn H. J., Bournville-Birmingham (Anglujo).
1322. S-ino Dodds F., Walker, Newcastle on Tyne (Anglujo).
1323. S-ro Lees James H., Grimsby (Anglujo).
1324. S-ro Lee Ernest John L., studento, New-York (Usono).
1325. S-ro Lewine John L., studento, New-York (Usono).
1326. S-ro Halldorsson Hallbjorn, Reykjavik (Islando).
1327. S-ino Halldorson Kristin, Reykjavik (Islando).
1328. S-ro Van Assche Armand, makleristo, Antverpeno (Belgujo).
1329. S-ro Böhmke Paul, inspektoro, Wiesbaden a/Rhein (Germ.)
1330. S-ino Böhmke Emmy, Wiesbaden a/Rhein (Germanujo).
1331. S-ro de Jonge Harm. W., instruisto, Kertosono (Ned. Indië).
1332. S-ro Chavet Gabriel, komerca direktoro, Lille (Francujo).
1333. S-ro Fethke Stephan, bankisto, Budgoszsz (Polujo).
1334. S-ro Fethke Jan, redaktoro, Berlin (Germanujo).
1335. S-ro Linder Alfred, ĵurnalisto, Paris (Francujo).
1336. S-ro Strauch August, urba supersekretario, Battrop (Germ.)
1337. S-ro Lange Otto Christensen, komerca helpisto, Fyn (Danujo).
1338. S-ino De Beukelaer Suzanne, Douai (Francujo).
1339. F-ino Johansen Dordi, kontoristino, Oslo (Norvegujo).
1340. S-ro Simons Wilhelm, instruisto, Köln-Höhenberg (Germ.)
1341. S-ro Buhr František, oficisto, Praha (Ĉehoslovakujo).
1342. S-ino Boeren-Lamboray, Antverpeno (Belgujo).
1343. S-ro Huysman J., St-Joost ten Noode (Belgujo).
1344. S-ro Prager Sigmund, studento, Bucureŝti (Rumanujo).
1345. F-ino Gobiet Adèle, komerca oficistino, Papendrecht (Ned.)
1346. S-ro Nelson Cornelis, komerca oficisto, Dordrecht (Nederl.)
1347. F-ino Van Rossum Maria, instruistino, Papendrecht (Ned.)
1348. S-ro Kromeich Peter Jos., komerca oficisto, Dordrecht (Ned.)
1349. S-ro Kunnen Willem, urbreferendario, Dordrecht (Nederlando).

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Protokolo de la Komitata kunveno en Bruselo Brasserie Flamande, la 10an de junio 1928.

La kunsido malfermiĝis je la 10 1/4a sub la prezidanteco de S-ro Schoofs, prezidanto.

**Ĉeestis:** S-roj Babilon, Champy, Schoofs, komitatanoj; Cogen, Vicprezidanto; la grupaj delegitoj : S-roj Jaumotte kaj Faes (Antverpeno, Verda stelo); Kempeneers (Bruselo); S-ino Algrain (Bruĝo), Petiau (Gento), Debrouwere kaj Vanbiervliet (Kortrijk), Leflot (Lier), Geerinck kaj Van Ghendt (St. Nikolao), Herion kaj Blause (Verviers).

**Senkulpiĝis:** La gekomitatanoj: S-ino Elworthy-Posenaer, kies senkulpigan leteron legis la prezidanto, S-ro Osc. Van Schoor kaj la grupoj el Mehleno kaj Tirlemont.

Sekvantaj aferoj estis priparolataj:

1. **Akcepto de novaj grupoj:** La novaj grupoj el Aalst (Alost), Braine-l'Alleud kaj Kortrijk (Courtrai) estis kore akceptataj kiel Ligaj grupoj. S-roj Debrouwere kaj Vanbiervliet, la agemaj pioniroj de la jam tre vigla grupo el Kortrijk estis aklame invitataj kunsidi.

2. **Financa situacio de la Ligo :** S-ro Mathieux, Kasisto, malhelpata, senkulpigis sin kaj la prezidanto legas lian raporton, kiu montras sufiĉe prosperon situacion. Tiu raporto estis unuanime akceptata.

3. **Transvendo de la Liga materialo el «Belga Esperanto-Instituto».** — La Komitato konsentas transvendi la Ligan materialon laŭ difinota sumo pri kiu la Ligestraro interkonsentos kun B. E. I.

4. **Civila personigo de la Ligo kaj ĝia transformigo en Societo sen profita celo.** — Post priparolo la Ligestraro estis komisiata pristudi la aferon kaj prezenti proponojn al la Komitato kaj al la Ĝenerala Kunveno.

5. **Ekzameno pri profesora kapableco.** — La Sekretario memorigas, ke ekzameno pri profesora kapableco okazos en Antverpeno la dimanĉon, 23an de septembro proksima kaj faras alvokon por ke la kandidatoj sin enskribu senprokraste. La prezo estas 50 fr. kiujn oni pagu al la ĉekkonto No 1337.67 de la Ligo, en Gento. Tiu ekzameno povas okazi ĉiutempe en la urbo mem de la grupoj kondiĉe, ke la nombro de la kandidatoj estu sufiĉa.

6. **Reelekto de la Ligestraro.** — La Ligestraro estis unuanime reelektatatata sen baloto.

7. **Diversaĵoj.** — a) La Sekretario informas la ĉeestantaron pri la baldaŭa edziniĝo de F-ino Lena Witteryck, filino de nia Prezidanto pro Honoro. Estis unuanime decidata sendi je tiu okazo florojn kaj gratulan lukstelegramon.

b) La Delegitoj el Sankta Nikolao atentigas pri la bona propagando

farota de ilia grupa bicikleta sekcio kaj incitas la aliajn grupojn starigi saman sekcion, kiu samtempe estas tre bona allogilo por la grupanoj.

c) La Prezidanto ankaŭ atentigas pri la propaganda efikeco de la ilustritaj poŝtkartoj kun esperanta teksto.

La kunsido finiĝis ĉirkaŭ la unua.

La Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

---

## Protokolo pri la Generala Kunveno okazinta en Bruselo la dimancon 10an de junio 1928, posttagmeze.

S-ro Schoofs, Prezidanto, malfermas la kunsidon kaj bonvenigas la ĉeestantaron.

S-ro Petiau, Ĝenerala Sekretario legas la sian raporton kiu estas akceptata sen rimarkoj.

S-ro Mathieux, Kasisto, malhelpata ne povas ĉeesti. La Prezidanto legas la ĉi postan raporton kiu estas aprobata unuanime.

S-ro Schoofs, Ĉefdelegito de U. E. A. raportas pri la U. E. A. agado en Belgujo.

La anaro ĉiujare pligrandiĝas;ĝi kalkulas nun 243 membrojn;tiu nombro rilate al la aliaj landoj metas Belgujon en favora situacio. Estas esperinde, ke ĉiuj fervoraj belgaj samideanoj fariĝu membroj de nia granda asocio, kies utileco por nia movado estas grandega.

**Civila personigo de la Ligo kaj ĝia transformigo en Societo sen profita celo.** — La Sekretario informas la kunsidon pri la decido de la Komitato kiu komisiis la Ligestraron por pristudi la demandon. Post kelkaj klarigoj de la Prezidanto pri la afero, la kunveno aprobas la decidon de la Komitato.

**Deficito de la Viena Kongreso.** — Por helpi al la organizintoj de tiu kongreso, kiuj troviĝas en tre kompatinda situacio pro la grava deficito farita, la Internacia Centra Komitato decidis disvendi inter la tutmonda esperantistaro specialajn helpkuponojn kaj faris alvokon al ĉiuj naciaj societoj por ke ili sin okupu serioze pri la vendado de tiuj kuponoj kies prezo estas 1/2 Svisa franko aŭ 3.50 belgaj frankoj. Por respondi al tiu alvoko, «Belga Ligo» transdonis al ĉiuj grupoj subskribliston petante, ke la geanoj bonvolu malavare aĉeti kelkajn kuponojn por helpi niajn malfeliĉajn Vienajn samideanojn.

Ni ne dubas, ke la grupestroj serioze sin okupos pri la afero kaj baldaŭ resendos la subskriblistojn al nia Liga Prezidanto, S-ro Schoofs, kiu havigos la kuponojn al la subskribintoj Ni tre petas, ke la grupestroj bonvolu kolekti la monon kaj sendi ĝin al S-ro Schoofs pere de lia ĉekkonto No 28.420.

**Organizo de la propaganda laboro.** — La Sekretario atentigas pri la neceseco organizi la propagandan laboron. La uzado de Esperanto fari-

ĝas pli kaj pli utila en ĉiuj fakoj de la homa vivado, estas do necese, ke ĉiu fakulo laboru en sia mezo por enkonduki nian lingvon kaj kiam la afero estas bone preparita li sin turnu al la Liga Sekretario kun konkretaj proponoj, kiuj estos serioze studataj kaj poste la Ligo faros la oficialan paŝon. Nur per metoda kaj pacienca laboro de ĉiuj esperantistoj ni sukcesos, ĉiu do helpu!

Kelkaj ĉeestantoj donas bonajn konsilojn: ke ĉiu, kiu legas artikolon pri nia movado aŭ kiu povas utili al ĝi tuj sendu al S-ro. Schoofs, direktoro de la «Liga Gazetara Servo»; ke oni uzu niajn malmulte kostajn propagandilojn: «Esperanto in een Oogslag», «L'Esperanto en un coup d'œil», la «Ruĝa Broŝuro» jus speciale eldonita por Belgujo, la ilustritaj poŝtkartoj kun esperanta teksto, k. t. p. ĉiam surporti la verdan stelon kaj uzi ĉiujn rimedojn por propagandi dum festoj kaj ekspozicioj; bona rimedo ankaŭ estas la uzo de esperantaj flagetoj kaj la starigo de grupaj bicikletaj sekcioj.

Ke ni do praktike laboru kaj nia afero rapide progresados.

La kunveno finiĝis ĉirkaŭ la sesa.

La Ĝenerala Sekretario,
HENRI PETIAU.

---

## RAPORTO DE LA ĜENERALA SEKRETARIO PRI LA AGADO DE LA JARO 1927

Estimataj Gesamideanoj!

Ĉiuj, kiuj ĉeestis la lastan kongreson en Mons, certe konservis agrablan memoron pri ĝia granda sukceso kaj ĝia bona organizado, kiun ni ŝuldas al la sindonemo de S-ro Casy, kiu tiel afable ĉion aranĝis. Mi certe estos ilia interpretanto esprimante denove al li nian sinceran dankemon. Koran dankon ni ankaŭ ŝuldas al nia Vicprezidanto, S-ro Cogen, kiu faris tre taŭgan propagandon paroladon kun lumbildoj. Sed la ĉefa okazintaĵo de la kongreso estis certe la ĉeesto de D-ro Privat, prezidanto de I. C. K., kiu tiel elokvente naskis entuziasmon en ĉies koro plej trafe klarigante la belan celon de nia movado. La ekskurso al Beloeil estis ankaŭ tre agrabla kaj ĉiuj elportis el la kongrestagoj novajn fortojn por pli efike daŭrigi nian pacan bataladon.

Efektive, ĉie la propaganda laboro plej ageme rekomenciĝis. La grupoj vetbatalis je laboremo: «Verda Stelo» ,en Antverpeno, plej sucese organizis multajn kursojn kaj havigis al la Ligo pli ol 300 membroj. Niaj Bruselaj amikoj, sub la lerta gvidado de sia prezidanto, D-ro Kempeneers, montris specialan agemon. Multaj propagandaj paroladoj kaj kursoj estis organizataj en ĉiuj kvartaloj kaj ni povas nun fieri pri la Esperanto - movado en nia ĉefurbo. La grupoj el Bruĝo, Gento, Mehleno, Sankta Nikolao, Tirlemont, Verviers, k. a. ankaŭ tre bone laboris. La oficialaj kursoj organizitaj en Antverpeno kaj Verviers sukcese daŭras.

Je sia flanko, la Ligestraro senĉese sin okupis pri la ĝenerala propagando kaj kun la helpo de kelkaj sindonemaj Samideanoj ĝi sukcesis starigi tri novajn grupojn en Aalst (Alost), Braine-l'Alleud kaj Kortrijk (Courtrai). Ni profitas la okazon por publike danki nian tre fervoran amikon, S-ro Bas, Vcprezidanto de la «Brusela Grupo», al kies persona propaganda laboro ni ŝuldas la grupojn el Aalst kaj Braine-l'Alleud, kie li organizis kaj gvidis mem la unuajn kursojn. La grupo el Kortrijk estas la rezultato de la iniciativo kaj sindonemo de nia bona amiko S-ro De Ketelaere, el Antverpeno, kiu, vizitante Kortrijk por siaj komercaj aferoj,profitis la okazon por inciti du tieajn junajn samideanojn: S-rojn Debrouwere kaj Vanbiervliet,malfermi publikan kurson kaj starigi grupon. Kaj nun, dank'al tiuj personaj klopodoj, ni havas en Kortrijk plej viglan grupon kiu kalkulas jam preskaŭ 100 membrojn! La nova grupo ĵus malfermis publikan kurson, kiun ĉeestas pli ol 200 personoj! Tiu nekredebla sukceso estas la rezultato de bonega propagando farita de niaj junaj amikoj Debrouwere kaj Vanbiervliet, helpataj de S-roj Demey kaj Mattelaer, du el niaj plej malnovaj samideanoj.

Ni altiras la seriozan atenton de ĉiuj niaj Samideanoj pri la bela rezultato de la iniciativo de S-roj Bas kaj de Ketelaere kaj pri la utileco de komuna laboro. Se ĉiuj volus kunhelpi ni baldaŭ havus grupojn en ĉiuj urboj de la lando!

Malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj, «Belga Esperantisto» sukcesis aperi regule kaj eldonis 10 kajerojn kun entute 230 gaĝoj. Ĝia enhavo fariĝas pli kaj pli interesa, sed estas nepre necese, ke oni helpu la Direktoron sendante al li presindajn artikolojn. Tiucele ni faras alvokon al la grupoj por ke ili regule organizu literaturajn kunvenojn difinante temojn priskribotajn de la grupanoj; la plej bonajn verkojn oni sendu al B. E., kiu, tiamaniere fariĝos vere interesa revuo kun plej diversa enhavo. Siaflanke, la «Gazetara Servo» tre lerte prizorgata de S-ro Schoofs kun la helpo de S-ro De Coster plej kontentige funkciadis. Pli kaj pli malmultaj fariĝas la ĵurnaloj,kiuj ne represas niajn komunikaĵojn,kiuj tre efikas por la ĝenerala propagando.

La Ligestraro ankaŭ laboris en diversaj fakaj kampoj : ĉe «Radio-Belgique» okazis du kursoj, en flandra kaj franca lingvoj; malgraŭ la malfavora horo dum kiu oni devis doni ilin, ili tre kontentige sukcesis.

Ĉe la Telegrafo la Ministro informis nin, ke li faciligos al la oficistoj la lernadon de Esperanto. Ni do petos niajn P. F. T. anojn ke ili instigu siajn kolegojn lerni nian lingvon.

Ĉe la Aerveturado plej kontentiga estas la rezultato de niaj klopodoj. Ĉiuj kompanioj deklaris sin favoraj al Esperanto kaj multaj el ili uzas ĝin.

En tiuj diversaj fakoj S-ro Bas denove tre helpis nin!

Ĉe la Universitataj rondoj Esperanto tre bone progresadas. Dank'al la klopodoj de S-ro Van der Lyn, komitatano de la «Bruselo Grupo», «Universitata Grupo Esperantista» fondiĝis en Bruselo kaj kalkulas jam

sufiĉe gravan membraron. En Antverpeno, dank'al S-roj Schoofs, kaj Prager, ĵus fondiĝis Esperanto-grupo inter la studentoj de la supera Komerca Instituto. En Gento ni havas ankaŭ kelkajn bonajn studentajn samideanojn, kiuj plej sindoneme kunlaboras kun la tiea grupo. Ĉiuj tiuj bonegaj elementoj kuniĝos siajn fortojn por, kun la helpo de la Ligo, plej efike propagandi ĉe niaj universitataj rondoj kaj post nelonge ni povos certe registri novajn sukcesojn en tiu tre iuteresa kampo.

Laste, sed ne malpli grave, «Belga Esperanto-Instituto» plej kontentige progresadis; ĝia subskribita kapitalo atingis jam pli ol 70.000 frankojn dank'al kiu ĝi fariĝas pli grava eldonejo de Esperantaĵoj inter kiuj: propaganda paperletero, kovertoj, poŝtkartoj kaj sigelmarkoj, kiuj ĝuis bonegan akcepton. Plej taŭga estas la eldono, speciale por Belgujo, de la franca «Ruĝa Broŝuro». La Instituto ankaŭ eldonis diversajn seriojn de poŝtkartoj pri Antverpeno kaj vendas ĉiuspecajn esperantajn insignojn, kiujn ni varme rekomendas al la esperantistaro. Ĝi ankaŭ sin okupis pri la presado kaj vendado de libroj, ĵurnaloj, k. t. p.

Ni tutkore gratulas la bonajn administrantojn de nia nacia Esperanto-Instituto, kiuj sukcesis progresigi ĝin tiel brile. Ne nur ili igis ĝin tre floranta por Esperanto sed ankaŭ por la akciulo kiuj ĉiujare ricevis 7-/2 da procento.

Tiu bela rezultato plej bone montras la saĝan administradon de la direktantoj kaj la senĉesan progresadon de nia esperanta afero. Ni do varme konsilas al niaj samideanoj fariĝi akciuloj de nia nacia eldonejo, ili ne nur helpos la propagandon sed samtempe ili faros tre bonan financan aferon, io ege malofta en Esperantujo!

Kiel vi aŭdis, ni povas esti kontentaj pri la agado de la pasinta jaro kaj rigardi la estontecon kun fido. Tamen, ni tre bone konscias, ke la rezultatoj povis esti pli bonaj; certe restas ankoraŭ multe por fari kaj plej diversaj estas la kampoj, kiujn ni devas prilabori.

La Ligestraro faras kion ĝi povas por antaŭeniradi nian aferon, sed oni bonvolu konsideri, ke ĝia kapablo estas tre limigita kaj la agadkampo vastega. Se ni volas daŭre progresadi,estas do nepre necese, kunmeti ĉiujn niajn fortojn kaj bone organizi nian propagandan laboron. La grupo kaj ĉiuj izolaj samideanoj devus labori en konstanta kaj pli intima kontakto kun la Ligestraro. Ne sufiĉas deziri kaj proponi sed multe pli taŭgas plenumi mem la dezirojn! Nur per praktika kaj komuna laboro, en plena interkonsento, ni povos rapide antaŭeniradi. «Unueco donas fortecon», ke ĉiuj do helpu kaj ni rapide venkos!

Karaj Geamikoj! Baldaŭ okazos en nia lando plej grava okazintaĵo! Kiel vi scias, nia Ligo akceptis la gravegan taskon organizi la 20an Universalan Kongreson de Esperanto, kiu okazos en Antverpeno. Niaj Antverpenaj amikoj bonvolis preni sur sin ĝian lokan aranĝon; ili plej praktike kaj zorge plenumas tiun ege pezan taskon kaj ni povas esti certaj, ke ili nenion preterlasos por igi la kongreson plej interesa. Sed, estas la devo de ĉiuj belgaj Esperantistoj helpi ilin por ke la 20a estu

vera sukceso. Jam de ĉiuj flankoj de la mondo alvenis multaj aliĝiloj; la belgaj samideanoj devas montri la ekzemplon ĉeestante multnombraj kaj ili devas faciligi la taskon de la organizantoj sendante senprokraste sian aliĝon.

Aliflanke, la Universala Kongreso multe helpos al nia estonta propagando, ni do devas zorgi, ke ĝi plej bone sukcesu!

Post la kongreso okazos tra tuta Belgujo vojaĝo, kiun partoprenos multaj nebelgaj samideanoj. Ni faras varman alvokon al la grupoj por ke, interkonsente kun la organiza komitato, ili plej bone akceptu la vojaĝontojn,kiuj vizitos ilian urbon. Estos plej taŭga okazo por fari bonan propagandon, ni do devas plej bone eluzi ĝin. Ni do kalkulas je la kunhelpo de Ĉiuj.

Vivu nia 20a!

Vivu Esperanto!

HENRI PETIAU.

---

## RAPORTO DE LA KASISTO AL LA ĜENERALA KUNVENO DE 1928

Karaj Gesamideanoj,

Tiun ĉi fojon ankoraŭ mi havas la plezuron sciigi al vi ke dum la lasta jaro nia budĝeto estis sana kaj sufiĉa por niaj bezonoj.

Cetere, komparo kun la ciferoj pri 1926 montras ke nia Ligo vigle prosperas kaj disvastiĝas.

La enspezoj atingis 11532.50 fr. kontraŭ 8522.—.

La elspezoj atingis 10771.43 fr. kontraŭ 7368.91.

Enspezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Kotizoj | 969.50 | |
| Donacoj | 296.50 | |
| Belga Esperantisto | 8858.75 | |
| Diversaĵoj | 478.65 | |
| Radio kurso (lernantoj) | 929.10 | |
| | | 11.532.50 |

Elspezoj:

| | | |
|---|---|---|
| Presaĵoj por propagando kaj diversaĵoj | 1458.65 | |
| Belga Esperantisto | 7988.78 | |
| Radio kurso | 1324.— | |
| | | 10.771.43 |
| Kredita saldo | | 761.07 |

Vi povas konstati ke la sumo de kotizaĵoj estas kontentige pli granda ol dum 1926. Tiu signo de prospero certe ĝojigos vin.

Kaj, por la nuna jaro, ni povas esperi ankoraŭ pli grandan progreson dank'al la Internacia Kongreso, kiu certe altiros la atenton de la publiko pri nia movado kaj efike helpos al nia propagando.

Okazis kelkfoje ke izolaj membroj kaj eĉ grupaj kasistoj pagis al mi neĝustajn sumojn; por eviti senutilan korespondadon kaj kostojn, mi rememorigas ke la kotizoj estas fiksitaj jene:

Izolaj membroj 20.— fr. — Grupaj membroj 12.— fr. — Familiaj membroj 2.— fr.

UCCLE la 1an de junio 1928.

F. MATHIEUX, Kasisto.

---

# MALGRANDAJ VERSAĴOJ

VESPERO...

Vespero... La ĉielon
ne kovras nun nebul'...
Mi revas kaj mi larmon
forviŝas el l' okul'.

Se ĉiuj steloj estus
ja larmoj de dolor',
ankoraŭ pli da larmoj
elverŝus mia kor'.

DUM NI SIDIS...

Dum ni sidis unu apud
la alia, la orhestro
ludis valson — se mi bone
ĝin memoras — de Chopin.

Ebrietaj de la ĝuo,
ni aŭskultis senparole:
Ĉion kion ni ja sentis,
la muziko diris ĝin...

LA ĈERKON MI DEZIRUS ESTI.

La ĉerkon mi dezirus esti
en kiun oni sternos vin,
por ke mi ĉiam en la brakoj
vin povus teni, amatin'...

KVAZAŬ LA FANTOMA ŜIP'...

Kvazaŭ la fantamo ŝip'
sur la mar' ĉirkaŭveturas,
vagas mia kor' sur ter',
sen esper'...

TRE ALTE...

Tre alte stel' tremetas
sur blua la ĉiel'...
— Venu al mi, mi petas,
malsupreniru, stel'.

Kunportu sen atendo
min for de tie ĉi,
kaj sur la firmamento
mi brilos apud vi.

KIAM...

Kiam min la pala mort'
tenos — estas ĉies sort' —
ĉu vi tiam, amatin',
ankoraŭ memoros min?

Kiam mi sur la ĉiel'
nokte brilos kiel stel',
mi vin serĉos, amatin',
kaj per kis' mortigos vin.

JAN VAN SCHOOR.

# BELGA KRONIKO

ANVERPENO. — «La Verda Stelo». — Sabaton la 5an de Majo multaj Grupanoj ĉeestis la ĝeneralan monatan kunvenon kaj interesiĝis en la ampleksa ekspozicio de lanaj kaj silkaj vestaĵoj elmontritaj de Sro Goethals, samideano kiu estas fabrikanto de tiaj vestaĵoj en Beveren. Sabaton la 12an S-ro W. De Schutter faris paroladon kies temo estis «Ho, tiuj proverboj!» Klare kaj sprite la parolinto pritraktis la temon kaj konstatigis, ke ofte la proverboj kontraŭdiras unu la alian.

Dimanĉon 20an, kvankam la suno ne ĉeestis... la ŝipo por Doel foriris kun kelkaj «Verdstelanoj» kiuj je tiu okazo nomiĝas «La Tamenanoj». Ili bone pasigis la tagon. Sabaton 26an S-ro Faes parolis pri kelkaj muzikistoj, nome: Haendel, Mozart kaj Haydn kaj agrabligis la paroladon per gramofonludado de kelkaj verkoj de tiuj komponistoj.

Dum Junio estis ĝenerala kunsido Sabaton la 2an. La Prezidanto S-ro Jaumotte salutis kaj prezentis S-ron Archer el Aŭstralujo. Tiu samideano estis la unua alveninta kongresano en Antverpeno. Dimanĉon 10an multaj membroj iris al Bruselo. La alvenintajn antverpanojn akceptis ĉe la stacidomo afablaj bruselaj samideanoj kiuj kondukis ilin al Tervuren. Posttagmeze ili ĉeestis la ĝeneralan Jar-kunsidon de Belga Ligo Esperantista en «Brasserie Flamande». Sabaton 16an, oni faris la tradician viziton al la foiro, kiel kutime tre sukcesintan.

Por ke la alilandaj kongresontoj pli facile povu fari la necesajn aĉetojn en la vendejoj de Antverpeno, la grupo malfermis specialan kurson por komercistoj de la centra parto de la urbo. S-ro A. Faes gvidis la kurson en la sekretariejo mem; ĉeestis regule la 8 lecionojn diversfakaj komercistoj. Dimanĉon 24an okazis ekskurso al Cappellenbosch.

Dum Julio la «antaŭkongresmonato» multe estis priparolata en la sabataj kunsidoj la kunhelpon al la kongresorganizo. Sabaton 7an de Julio ĉeestis nian ĝeneralan kunvenon S-ro Majsiuk el Blanka Rusujo. Sabaton la 14an en «Brasserie de la Bourse» okazis la diplomdisdono al 16 lernantoj de F-ino Jacobs, S-roj Bastiaensen kaj Schiffer. Koncerto komencigis la feston, dum kiu oni varme aplaŭdis F-inon Jacobs, kiu kantis kaj deklamis kaj S-inon A. Faes-Janssens kiu ludis la pianon. Ricevis la diplomon la jenaj lernantoj el la kurso de F-ino Jacobs: kun la plej granda merito: F-ino Annie Deutscher; kun granda merito: S-ino Emilie Sommer; kun merito S-roj Fred. Sommer, S-ro Van Veyver, S-ro M. Brin. El la kurso S-ro Bastiaensen: kun granda merito: S-ro Benjamin Rudner, F-ino Flora Lek; kun merito: S-ro Louis Hendrickx. El la kurso de S-ro Schiffer: kun granda merito: S-ro Leon Leiba, S-ro Frans Broeckx; kun merito: F-ino Agnès Champy, F-ino Feront-De Hert, S-ro Robert Borgers, S-ro Henri Van Dousselaere; kun sukceso F-ino Irma Champy, S-ro Marcel Broeckx. La Prezidanto S-ro Jaumotte gratulis la laŭreatajn ĉar ili ankoraŭ ĝustatempe lernis la lingvon antaŭ la kongres.

Li atentigas pri la fakto ke antaŭ la kongreso malfermiĝos kurso rapida gvidota de S-ro Prager, rumana samideano kiu loĝas en Antverpeno. Per intima dancado finiĝis la vespero. Lundon 16an malfermiĝis efektive la «EKSPRESKURSO», kiu konsistis el 12 lecionoj okazintaj ĉiuvespere. 16 lernantoj partoprenis, la ekzamenon faris 16 lernantoj kaj akiris la diplomon 16 lernantoj. Tiu brila rezultato estas nekontraŭ direbla pruvo, ke estas eble lerni la lingvon tre bone en malmulte da tempo. Sabaton la 28an okazis la festo organizita je l'honoro de la 17 lernantoj diplomitaj el la kurso de S-ro Boeren. En «Brasserie de la Bourse» estis ĉiuj novaj kaj malnovaj Membroj de «Verda Stelo». Belega koncerto estis la unua parto de tiu vespero. Kantata de S-ro Jochem, la simpatia baritono de la Flandra Operdomo, la Espero eksonis bele kaj entuziasme. Aliaj Gesamideanoj estis varme aplaŭditaj pro ilia talento: S-ino Borstein, kiu talentplene kantis «Le Rossignol» de Massé, kaj la «Chanson Provençale» de Dell'Acqua, F-ino Jacobs kiu kantis kun emociplena akcento «La simbolo de l'Amo» kaj «Infanoj», S-ro Fr. Fiten, blinda samideano, kiu brile pianludis kaj audiĝis kanton de li verkitan sur poezio de Guido Gezelle, ĉiuj, ankaŭ la akompanintinoj S-inoj Jochem kaj Faes, akiris dankan aplpaŭdon. S-ro Jaumotte, Prezidanto, gratulas S-ron Boeren pro la belega rezultato, kiun liaj lernantoj akiris. Ricevis la diplomon: kun plej granda merito: S-ro A. K. Goossens, S-ro M. Pairon, F-ino M. D'Hoogh, S-ro A. Vandamme, S-ro Suykerbuyk, S-ino Tilez, F-ino Cordon ; kiu granda distingo; S-ro De Mey, S-ro H. Latine, S-ro R. Saelens, F-ino Enzlin, S-ro Morel; kun distingo: S-ro Heylen; S-ro Roegiers; kun merito: F-ino Ickowicz, F-ino E. Van Geem, S-ro Tilez; la diplomitoj estis kore gratulataj de la Prezidanto kaj de ĉiuj Komitatanoj. Poste S-ro Jaumotte prezentas al la Membroj kaj salutas S-inon Luiza Srebna, el Krakovo. S-ro Kreuz, kiu ankaŭ ĉeestas la feston, gratulas la antverpenajn gesamideanojn, lernantojn, diplomitojn, malnovajn kaj novajn membrojn, kaj esprimas siajn bondezirojn por la sukceso de la XXa Kongreso.

BRUĜO. — La 1an de julio la grupo partoprenis la sekvantaron elirintan okaze de la «Kolonia Tago».

La 15an de julio okazis la ĝoja eniro de la Reĝidoj Geprincoj Leopold kaj Astrid. Dezirante honori la Honoran Prezidanton de la Ligo: la gegrupanoj ĉeestis speciale multnombraj la sekvantaron organizitan je tiu okazo. Alvenintaj ĉe la Granda Placo, la plej junaj membroj de la grupo, geknabetoj Boedt, supreniris la estradon kie sidis la Geprincoj, bonvenis ilin kaj prezentis belegan garbon de floroj ligitaj per verda kaj blanka rubando kun la surskribo «Bruĝa Grupo Esperantista». La Geprincoj simpatie dankis kaj Princino Astrid tutkore kisis la infanojn. Kelkajn tagojn poste la grupo ricevis oficialan dankesprimon de la Gedukoj de Brabant kaj ankaŭ de la Bruĝa Urbestraro.

BRUSELO. — Okazintaĵoj dum la maja monato:

Lundon, la 7an: Perfektiga kurso farita de S-ro Somerling.

Lundon, la 14an: Parolado de S-ro Somerling pri «Fotogrado». Teknika parolado, ni diru, sed kies dornojn ĉirkaŭvolvis lingvo plej kompatema al la nescio de la profanuloj.

Lundon, la 21an: Ĝenerala kunveno dum kiu oni interparolis pri la nuna situacio de la Esperanta movado.

Lundon, la 28an: Ne okazis kunveno. La grupestraro konsentis libertempon al sia diligenta anaro pro ĝia bona konduto dum la monato!

30an de junio: Ekzameno pri simpla kapableca prezidita de F-ino Jennen. Plej bone sukcesis: Gesinjoroj Brihay, F-inoj Wittrien, Van Damme, Dewez, Dantzer, S-roj Lavisse, Hoffmann, Jamar, Kneip, André; Malvaux, Isgaur kaj S-ro Cornu.

Lundon, 2an de julio: Perfektiga kurso farita de S-ro Somerling.

Lundon, 9an de julio: Proklamo de la rezultatoj de la ekzameno okazinta la 30an de junio. Parolata ĵurnalo.

Dimanĉon 15an de julio: Vizito de la presejo de la ĵurnalĉ «Le Soir». Poste ekskurso al Rouge Cloître: promenado, komuna tagmanĝo, k.t.p.

Lundon, 18an de julio: Ĝenerala kunveno.

Lundon, 23an de julio: Parolado pri «Antverpeno» de F-ino Obozinski.

Lundon, 30an de julio: Prepara kongresa kunveno kiun ĉeestis ĉeĥaj, francaj, germanaj, holandaj, polaj kaj svisaj samideanoj.

GENTO. — Ĉiumerkrede je la 7a, grupa kunveno dum kiu okazas interesaj paroladoj faritaj de spertaj Esperantistoj.

KORTRIJK. — La nova kurso plej sukcese daŭras; post la 10a leciono ĉeestas ankoraŭ pli ol 130 gelernantoj! Ni nur povas gratuli pro tiu neordinara rezultato la du lertajn profesorojn: S-rojn Demey kaj Debrouwere.

Merkredon, 6an de junio, S-ro Petiau, Ĝenerala Sekretario de la Ligo, vizitis la novan grupon kaj parolis pri la historio de Esperanto al multnombra ĉeestantaro, kiu tre interesiĝis pri nia movado.

SANKTA NIKOLAO. — Okaze de la baldaŭa dudeka kaj kiel propagando, la grupo Al Triumfo organizas ekspozicion en la komercejo Van Haver, kiu afable disponigis grandan montrofenestron. La ekspozicio okazos komence de aŭgusto.

Je la dispartigo de la kongresŝparkaso, ĉiuj partoprenintoj, laŭ proprono de S-ro R. Geerinck, forlasis la rentumon al la biblioteka fundo.

La grupo partoprenis la festojn de la 50a datreveno de la geedziĝo de Ges-roj Truyens-Vanderlinden, fervoraj subtenantoj de nia movado.

La bicikleta sekcio «La Verda Rado» bonege laboris sed multe bedaŭras, ke aliaj grupoj ne jam organizis bicikletan grupeton por kune propagandi dum ekskursoj.

La vizitoj al la lago de Overmeire kaj Mariaburg tre sukcesis kaj estis tagoj de ĝojo kaj amuzo.

Baldaŭ okazos ekskursoj al la arbaro de Buggenhout apud Dendermonde kaj poste al Heidekappel. La najbaraj grupoj estas kore invititaj akompani. Sin turni al F-ino Norma Van Hoeyeweghen, 234, Plezantstr., St-Nicolaas-Waas.

La grupo baldaŭ organizos novan kurson, por kies propagando ĝi uzas la belan novstilan afiŝon de Belga Esperanto-Instituto.

---

# GRATULOJ

«Belga Ligo Esperantista» kaj «Belga Esperantisto« plej kore gratulas sian Prezidanton pro Honoro, S-ron Witteryck, pro la edziniĝo de lia filino Lena kun S-ro Segers, kaj deziras multe da feliĉo al la novaj geedzoj.

Al Fraŭlino Alice Victoor kaj S-ro Auguste Stroobandt, ambaŭ membroj de la «Bruĝa Grupo Esperantista», kiuj geedziĝis la 1an de majo, Plej grandan feliĉon kaj prosperon al la nova Esperantista paro.

La 7an de Julio geedziĝis aliaj du gemembroj de la «Bruĝa grupo Esperantista», F-ino Yvonne Heinkens kun S-ro Gustave Dotselaere, kiu tiel bone sukcesigis la propagandajn kaj kongresfestojn per sia deklamado, kantado kaj teatroludado. Al tiu nova esperantista familio ni prezentas niajn plej sincerajn gratulojn kaj tutkorajn bondezirojn por senfina feliĉo.





# Bronza Medaljono de D-ro Zamenhof

## MENDILO

Mi petas "BELGAN ESPERANTO-INSTITUTON", 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno, havigi al mi .................. ekzemplero.......n de la **bronza medaljono de D-ro Zamenhof,** skulptita de Rik Sauter.

Mi sendas al ĝi sumon de Belgoj .................. (po 9 Belg. ) al poŝtĉeko N° 1689.58 — per poŝtmandato — bankĉeko — monbiletoj en registrita letero.

Nomo ..................................................

Strato ..................................................

Urbo kaj lando : ..................................................

Dato : Subskribo : ..................................................

Al la 100 unuaj mendantoj ni konsentas favorprezon de Belgoj 9.—. Pago al nia postĉekkonto 1689.58 aŭ per bankĉeko aŭ poŝtmandato.

Ni publikigos la nomaron de la 100 unuaj mendantoj. Post apero de tiu nomaro la prezo definitiva de la medaljono estos Belgoj 10.—